Jaro XI. Julio 1928 Nr. 3

Oficiala Organo de la Internacia VEGETARA LIGO ESPERANTISTA. (V. L. E.)

# VEGETARANO

Oficiala Organo de la INTERNACIA VEGETARA UNIO (I. V. U.)

**Nova Adreso:** Oscar Bünemann, Hamburgo 24, Papenhuderstr. 32, II, Germanujo.

Landaj sekretarioj kaj abonprezo en nacia mono:

**Belgujo** (B 4.—): S-no Yvonne Colijn, Ruststraat 52, Rue du Repos, Ukkel-Uccle apud Bruselo, poŝtkonto 119 935.

**Bulgarujo** (Levoj 50.—): S-ro Petr Mitkov, Bulevard Evlogi Georgiev 49, Sofio.

**Ĉeĥoslovakujo** (kĉ. 25.—): S-ro Emil Mai, Mühlfeldgasse 11, Gablonz a. N.

**Danujo** (dkr. 3.—): F-no Margrethe Noll, Fredericiagade 6, II., Kopenhago-K.

**Estonujo** (Ekr. 3.—) F-no Helmi Dresen, postkast 6, Revalo (Tallinn).

**Francujo** (ffr. 20.—): F-no Cécile Royer, 14 Rue des Carmes, Parizo V, poŝtkonto Parizo 25 777.

**Germanujo** (Rm. 3.—): La redaktanto, poŝtkonto Hamburgo 31 553.

**Grandbritujo** (ŝ. 3/—): S-no Margaret Blaise, „Bonveno", Manor Way, Headstone Lane, Harrow apud Londono.

**Hungarujo** (P. 4.—): S-ro Bihari Mór, ĉe Szerderit, Telep-u. 14, Budapeŝto VII.

**Jugoslavujo** (Din. 40.—): Sudslava Esperanto-Servo, Zagrebo, poŝtĉ. konto 34 978.

**Latvujo** (Latoj 4.—): S-ro Edgaro Grot, Elizabetes ielâ 9, dz. 33, Rigo.

**Litovujo** (Lid. 8.—): S-ro Vladas Butkus, Prezidento gatvé 2, II-ji gimnazija, Kaŭno.

**Nederlando** (fl. 2.—): S-no Catharina J. Roskes-Dirksen, Anemoonstraat 96, Hago.

**Polujo** (zl. 8.—): S-ro Chajm Kusnir, Ul. Orwida 5, Wolomin powiat Radzyminski.

**Sovjetunio** (R. 1,50): Moskovskoje Vegetarianskoje Obŝĉestvo Moskvo 9, poŝtkesto 2135.

**Svedujo** (skr. 3.—): S-ro Erik Brenander, Fyrunga.

**Svisujo** (sfr. 4.—): S-ro Paul Enz, Nuxowerk, Rapperswil, (St. Gallen).

**Usono** (dol. 1.—): S-ro Karl Fröding 602, Seventh Street, Rockford, Illinois.

El la landoj necititaj oni sendu rekte al la redaktanto la egalvaloron de 4 svisaj frankoj. La kuponoj de UEA estas akceptataj kaj estu uzataj prefere ol nacia mono. Ne pagu per poŝtmandatoj; ĉar ili kaŭzas kurzan perdon. Anoncoj pri vegetaraj manĝejoj kostas la egalvaloron de dek svisaj frankoj.

---

La VEGETARA LIGO ESPERANTISTA (V. L. E.) estis fondata en la jaro 1908-a, dum la Dresdena Universala Kongreso de Esperanto. Ĝia organo, la „Vegetarano" estis fondata en la jaro 1914-a. La kotizo por VLE kaj la abonpago por la „Vegetarano" estas identaj.

La celo de VLE estas, disvastigi Esperanton inter la Vegetaranoj kaj Vegetarismon inter la Esperantistoj. Krome, danke al nia internacia helpa lingvo, ĝi volas helpi kaj antaŭenpuŝi la internacian vegetaran movadon kaj la solidarecon inter vegetaranoj de ĉiuj landoj pli efike, ol tion povus fari naciaj organizoj aŭ revuoj.

Fine, nia ligo volas kunigi aron da homoj, kiuj interkonsente komplotas kontraŭ ĉio malbona kaj kiuj subtenas interne je, la Esperanta movado la etikan nivelon de nia komuna volo.

La ĝenerala sekretario kaj kasisto de VLE estas nune Oscar Bünemann, Hamburgo 24, Papenhuderstr. 32, II., Germanujo. Landaj sekretarioj prizorgas informojn, enkasigas kotizojn, propagandas kaj tradukas, se oportune, artikolojn el nia organo por naciaj parenccelaj eldonaĵoj.

---

## Leono N. Tolstoj.

Por la Centa Datreveno de lia naskiĝo.

La 28-an de aŭgusto (laŭ nova kalendaro la 9-an de septembro) 1928-a en la tuta mondo oni festos „la grandan verkiston de la rusa lando", la kreinton de la mondkonata literaturo: Lev Nikolajeviĉ (Leono, filo de Nikolao) Tolstoj. Oni festos lin kiel grandan poeton; sed nur malmulte oni memoros kaj honoros la profetan pensulon, la eminentan religian etikulon.

En la lastaj jardekoj de la pasinta jarcento la mondo aŭdis la vortojn de la predikisto de Jasnaja Poljana, plej fervora disĉiplo de Kristo: Konsciiĝu, ĭratoj! Ne mortigu, kaj ne kontraŭstaru al la malbono perforte! Rifuzu ĉian perfortigon kaj ekspluatadon de viaj proksimuloj, ne nur de homoj, sed ankaŭ de best-ĭratoj. Sed tiam nur malmulte da homoj sekvis lian vokon. Li estis la „predikanto en la dezerto" por la homaro. Ĝis hodiaŭ tamen lia influo je la militkontraŭstaro kaj vegetara movado ĉiam kreskis plie kaj plie. Tolstoj kredis, ke la ĉefa tasko de la homa vivo estas la ĉiam pli granda frata unuiĝo de la homoj kaj ankaŭ de ĉio vivanta sur tero. Pro tio li ankaŭ estis unu el la plej unuaj, kiuj eksentis kaj ekkonis la gravecon de Esperanto.

„Plej alta, plej ĝojiga unuiĝo de homoj estas unuiĝo en komunaj sentoj de frateco, de amo, de heroa kaj molkora ĉiutaga sindonemo, de kompatemo rilate al ĉiuj vivaj estaĵoj, de frata kunhelpado de homoj por komuna bono."

Tolstoj estis la unua social-etikulo, kiu klare ekkonis interligitecon en la socia kaj morala progresado de la homaro: ke nur, „se en la animo okazis ŝanĝo, sekvos aliiĝo ankaŭ en la mondo"; ke la socia bono estas atingebla nur per la morala memperfektiĝado de la homo; ke, same kiel la homrajtoj, estas sanktaj la bestrajtoj.

Kiel por Budho, Francisko de Asizo kaj Ŝopenhaŭer (Schopenhauer), tiel ankaŭ por Tolstoj la sincera, tutmonda kompatemo rilate al ĉiuj niaj proksimuloj inter la estaĵoj estis identa — kaj tion li precipe akcentis — kun la alta sento de la vera universala amo, de la amo, kiu estas Dio.

Unu el la plej bone priskribitaj personoj en lia verko „Renaskiĝo" (je la fino de la romano) estas la pacoanarkiisto Simonson, Siberujen ekzilita, kiu nepre rifuzas — kompreneble, kiel vegetarano — la uzadon de besta haŭto (ledo) por sia vestaĵo.

Konsekvence laŭ sia ekkono pri la bona vivo, Tolstoj konsideris la vegetarismon kiel **La unuan Ŝtupon** en la ordvico de la morala perfektiĝo de la homo, al la efektiviĝo de la Dia Regno sur tero.

Kurt H. Schmidt.

---

## Diroj de Leono Tolstoj

pri vegetarismo. Tradukitaj el „Por ĉiuj Tagoj. Vivolibro", de Kurt H. Ŝmidt.

1. „Ne mortigu!" ne rilatas nur al la hommortigo, sed al la mortigo de ĉio vivanta. Ankaŭ ĉi tiu ordono estis

enskribita en la koron de la homo pli frue ol sur la monto Sinai.

2. Laŭ la grado de la racionalismo (klereco) kaj de la nombra kreskado de la loĝantaro la homoj transiras de la kanibalismo al bestmanĝado, de la bestmanĝado al la semo- kaj radikonutraĵo kaj de tiu ĉi nutradmaniero al la plej natura nutriĝado per fruktoj.

3. La malprudento, kontraŭleĝeco (interna) kaj la morala kaj materia malbonuzo, kiun kaŭzas viandmanĝado, fariĝis tiom evidentaj lastatempe, ke nun la viandmanĝado ekzistas ne plu per pripensoj, sed nur per malnova laŭkutima sugestado, tradicio kaj uzo. Kaj pro tio oni hodiaŭ devas peni pli malmulte argumenti la senprudenton de la viandmanĝado, ol peni detrui per la propra ekzemplo la sugeston.

4. Estas pardoneble, resti viandmanĝanto, se tio estas nepre necesa kaj senkulpigebla per iaj ajn argumentoj. Tio tamen ne estas ebla. La viandmanĝado estas malbonago, kiun hodiaŭ oni ne povas senkulpigi.

5. La ĝojo, kiujn gajnas la homo per la kompatemo je la bestoj, estas por li centoblaj kompensoj por la agrablaĵoj, kiujn li perdis per la abstino (sindeteno) de la ĉaso kaj de la viandĝuo.

---

**La „Lady Margaret"-Hospitalo. Doddington, Kent, Anglujo.**

La malnova persa poeto kiu konsilis vendi la duonon de nia panbulo kaj aĉeti hiacintojn por nutri la animon, sciis tion, pri kio li parolis.

Ĉi tie, en la mezo de Kent'aj arbaroj, herbejoj, lupolkampoj, fruktarbaroj, kun mar-aero je tri flankoj, la paciento, ellacigita eble de la ĉagreno kaj rapidego de moderna vivo, povas trovi pacon; vigligan kaj pur-aeron por spiri; kaj simplan, sanigan nutraĵon.

La Hospitalo mem estas domo de konsiderinda ĉarmo, kiun oni aliformigis kaj adaptis por 20 pacientoj. Apude estas Margaret Cottage, por personoj, kiuj bezonas privatajn ĉambrojn. Ankaŭ estas „Lyttle Greetynge", tre alloga traba dometo, tre antikva kaj interesa; ĉar estis tie ĉi, kie pilgrimoj survoje al la sanktejo de St. Tomaso de Canterbury estis loĝigitaj. Tiam, kiel nun, al ĉiu pilgrimo estis proponita, laŭ la reguloj de la domo, kruĉo da biero kaj pajlofasko, do, se iu el viaj legantoj hazarde troviĝos en tiu ĉi distrikto, tiu povas esti certa pri lito kaj trinko!

La dieto de la Hospitalo estas frukta, konsistante ĉefe el freŝaj ĝardenaj legomoj kaj salatoj, grenoj, legumenoj, freŝaj kaj sekigitaj fruktoj, nuksoj, lakto, ovoj kaj mielo, oleo kaj fruktosuko. Simpleco kaj sanigeco estas la centraj ideoj, kaj la troŝarĝitaj organoj ricevas la ripozon necesan, por ke la resaniĝo okazu plej bone.

La ĉefa celo de la Hospitalo estas montri kiel pli bone oni povas eviti kaj kuraci malsanojn per

Dietoj
Dietaj kuracoj
Fastado
Sun- kaj aer-traktado
La povo de Naturo.

Oni penas, kiom eble plej multe, doni al pacientoj ĝeneralan instruon pri la kaŭzoj de iliaj malsanoj, kaj helpan konsilon kiel eviti reokazon post la foriro el la Hospitalo.

S. J. Smith.

**Alloga Manĝaĵo.**

S-ro Groves, angla parlamentano, demandis de la ministro de higieno, la 29-an de marto, rilate al la registara vakcinfabrikejo ĉe Hendon, ĉu la bovido estas dufoje uzata por la provizo de puso. Se ne, kio okazas al la bovido? Se ĝi estas mortigata, kio okazas al la viando? S-ro Neville Chamberlain, la ministro, respondis, ke la bovido ne estas ree uzata post la produktado de vakcinpuso, sed estas mortigata, kaj la antaŭaj provizintoj povas rehavi ĝin kaj vendi ĝin por manĝaĵo.

En aprilo, Sir William Haldane, en letero al la ĉiutaga gazeto „The Times", rilate al afto (bestepidemio: france aphtes, angle foot and mouth disease, germane Maul- und Klauenseuche) skribas jene: „Nun ni konstatis, ke la ĝermo de malsano estas plej bone konservita en aktiva kondiĉo ĉe malalta temperaturo. La nekontraŭstarebla konkludo estas, ke ĝi estas importata en nia grandega importaĵo de glaciigita bovaĵo el sudamerikaj landoj, kie tiu malsano estas ofta. Provoj oficiale kontrolitaj jesas tion, kaj ankaŭ statistikoj indikas tiun konkludon". La fina paragrafo estas: „Oni prave atentigas la publikon, ke tiu malsano okaze atakas homojn. Laŭ mia propra limigita sperto, mi konstatis okazojn en Britujo; unu aŭ du el ili kaŭzis morton, la aliaj havis gravajn sekvojn. Feliĉe en tiu ĉi lando ni havas relative malmultan sperton de tiu malsano inter homoj, dum multaj jaroj. Sendube pro la fakto, ke ni multe zorgis, por forigi ĝin."

Laŭ „Vegetarian News", Emma L. Osmond.

---

**Vivisekcado.**

La gazeto „The Abolitionist", organo de la Brita Unio por Forigo de Vivisekcado (adreso 32, Charing Cross, Londono S. W. 1, Anglujo), donas en sia maja numero artikolon de la grafo de Tankerville kontraŭ vivisekcado. Li diras interalie:

La homoj studados la vojojn de la naturo kaj uzos por la kuracado ĝiajn bonfarajn metodojn. Tiu evoluo povas esti malrapida; sed ĝi estas neevitebla. Prof. Fournier d'Albe profetas, ke „medicina scienco estos mortinta en la jaro 1950-a". —

D-ro Walter Hadwen, la fama brita kuracisto kaj batalanto por humaneco, festis la 26-an de marto lasta kun sia edzino la kvindekjaran edzecjubileon. Li estas nun 74-jara, sed ne montras tiun aĝon per sia aspekto. Dum sia jubilea tago li faris al grandega publiko paroladon pri la temo: „Kion la eksperimenta esplorado (per vivisekcado) efikas por la publika bonfarto". La enhavo de lia parolado estis la respondo: „Nenion!" La sekvintan tagon li paroladis en Liverpool pri „Vivisekcado en Praktiko".

D-ro Hadwen estis sepfoje akuzata pro tio, ke li ne toleris, ke liaj infanoj estu vakcinataj; sed fine la aŭtoritatoj laciĝis, kaj liaj infanoj restis nevakcinitaj. En la jaro 1924-a li defendis sin en granda proceso kontraŭ la akuzo, ke li mortigis infanon per rifuzo, doni al ĝi serumon kontraŭ difterio. La proceso estis grandega sensacio en la tuta lando. D-ro Hadwen gajnis ĝin, kaj duonan horon post la publikigo de la juĝo li jam ricevis pli ol 250 gratultelegramojn. Li multe vojaĝis kaj en tre multaj urboj en Ameriko kaj en Britujo faris flamajn paroladojn kontraŭ la vivisekcado. Ankaŭ kiel aŭtoro li estas eminenta. Krom la sciencaj verkoj (Antaŭmorta

Emerigo. Bultenoj kontraŭ vivisekcado kaj vakcinado.) kaj verkis novelon „La malhelpoj de D-ro Deguerre“, samspaĝan, en kiu li amuze kaj interesige traktas ĉiun flankon de la demando pri vivisekcado. —

Kiu deziras informiĝi pri la demando de vivisekcado, legu la bonegan antaŭparolon, kiun skribis G. B. Shaw por sia mirinda dramo „La dilemo de la kuracisto“. Tiu libro donas samtempe artan ĝuon kaj sciencan instruon.

---

**Glandgreftado.**

La 7-an de junio la Asocio por Bestprotektado kaj kontraŭ Vivisekcado anoncis kunvenon, por protesti kontraŭ la glandgreftado praktikata de D-ro Voronov.

La granda halo plenpleniĝis antaŭ la komenca horo, kaj ankaŭ dua ĉambro tute pleniĝis. La parolantoj iris de unu aŭdantaro al la alia. Inter ili estis F-ino Lind-af-Hageby, la konata aktoro George Arliss, S-ro Hannen Swaffer, verkisto, S-ro Pilley, antaŭe redaktoro de „John Bull“, D-ro Beddow Bayly, pastro Bourgier kaj la dukino de Hamilton.

D-ro Bayly legis elĉerpaĵon el paroladoj de D-ro Voronov pri liaj eksperimentoj de glandtransplantado el simioj al homoj, kaj atentigis la ĉeestantaron pri la simiino Nora, kiu ricevis ovarion (vidu „Vegetaranon“ X/4) kaj poste homan semon, el kio rezultis gravedeco; sed la malfeliĉa ŝimpanzino mortis dum la naskiĝo de supozebie homa infano. Rezolucio akcentanta, ke „greftado de seksglandoj el vivantaj simioj en homojn estas ofendo kontraŭ moro, higieno kaj dececo“ estis preskaŭ unuanime aprobata. Nur kelkaj junaj medicinstudentoj kontraŭstaris.

Emma L. Osmond.

---

**La plej kruela mambesto.**

Okaze de la jam cititaj paroladoj de D-ro Voronov pri transgreftado de glandoj el simioj en homojn cele de rejunigo (verdire tio ne estas rejunigo, sed nur reveko de seksaj deziroj kaj konsekvence iluzio de nova juniĝo, mallonge: hontinda abomenaĵo), prof. Edward Bach en Londono esprimis la timon, ke per tia procedo oni transplantus en la homon la „kruelecon kaj altgradan voluptemon“ de la simioj, kaj la ĉiutaga Londona gazeto „Daily News“ ricevis jenan leteron publikigitan en ĝia eldono de la 29-5-1928:

Sinjoro: —

En la nomo de miaj fratoj-gastoj de la Reĝa Zoologia Societo mi varme protestas kontraŭ la aŭdaca konstato de D-ro Edvardo Bach raportita en via lastsabata eldono. Li deklaras unue, ke „se la glandoj de simio estas transgreftataj en homan estaĵon, ne estas eviteble, ke ankaŭ la karakterizaj ecoj de simio estas transplantataj“, kaj due, ke „karakterizaj ecoj posedataj altgrade de la homsimiia simio estas krueleco kaj voluptemo“.

Tiu diro enhavas la aserton, ke simioj estas pli kruelaj kaj pli voluptemaj ol homaj estaĵoj, kaj ke operacio, kiu celas levi homon al la nivelo de simio, farus la homon pli kruela kaj pli voluptema anstataŭ ol efiki la malon.

Ni, la simioj, estas pacienca kaj bonkora raso; sed tio estas efektive pli multe, ol ni povas toleri. Ĉu iu ajn simio iam ajn ŝiris la glandojn el vivanta homo, por grefti ilin sur alian simion kun la celo doni mallongan kaj nenaturan plilongigon al la vivo de tiu simio?

Ĉu Torquemada (1) estis simio? Ĉu la Inkvizicio kaj la Stel-Tribunalo estis simiaj institutoj? Ĉu la „Fera Krono de Lukso kaj la Ŝtala Lito de Damiens (fame turmentegiloj)“ estis fabrikaĵoj de simioj?

Ĉu jam montriĝis la neceso, fondi societon, por protekti simiidojn, same kiel oni faris, por protekti homidojn? Ĉu la jusa militego estis milito inter simioj aŭ inter homoj? Ĉu venena gaso estas eltrovaĵo de simioj aŭ de homoj?

Kiel D-ro Bach povas, ne ruĝiĝante pro honto, citi la vorton „krueleco“ en la ĉeesto de simio? Nin, kies cerboj estas senkompate elbruligataj en laboratorioj de homaj sciencistoj, nin homa sciencisto riproĉas pro krueleco!

Kaj oni elektis por tia aserto la momenton, en kiu eĉ la feraj koroj de la homoj sentis la neceson, protesti kontraŭ la terurajoj de la komerco per orangutangoj; ĉar en tiu komerco reaperas ĉiuj barbaraĵoj de la estinta komerco per negroj! Tio estas insulto ne nur kontraŭ ni, sed kontraŭ la historio kaj kontraŭ la sana racio.

Ni lasas al D-ro Voronov la taskon montri al D-ro Bach, kiom evidente nescienca estas lia timo (verdire ĝi devus esti espero), ke homoj povos akiri la karakterizaĵn ecojn de simioj, ŝtelante la simiaĵn glandojn.

Nin mem ne koncernas tio, kion la homoj nomas scienco, krom en nia rolo de kripligataj viktimoj. Sed nin koncernas sperto. Ni konstatas, ke vakcinado kaj antitoksa inokulado donis al la homo nek la virtojn de la bovino nek la bonajn ecojn de la ĉevalo.

La homo restas tio, kio li ĉiam estis: la plej kruela el ĉiuj bestoj, kaj la plej pedante eltrovema kaj diabla voluptulo. Ne permesu, ke la homo tiru ankoraŭ pli da konkludoj el sia groteska simileco kun ni: li restos tio, kio li estas, malgraŭ ĉiuj klopodoj de D-ro Voronov, fari el li respektindan simion.

Sincere la via

Konsul Junior (2).

Simiejo, la 26. 5. 1928.

---

1) Torkemada unu el la plej kruelaj inkvizitoroj de la mezepoko. Stel-Tribunalo (Star Chamber, lat. Camera stellata) tribunalo en Anglujo fama pro severeco kaj krueleco, de 1487 ĝis 1641.

2) Nomo de tre konata dresita ŝimpanzo.

La grafio kaj la enhavo de la letero evidentigis, ke ĝia aŭtoro estas la fama Georgo Bernardo Shaw, kiu per tia ŝerco eble faris pli multe, por batali kontraŭ homa krueleco kaj senpripenso, ol oni povas fari per multaj paroladoj kaj flugfolioj.

Multaj gazetoj en ĉiuj landoj raportis pri tiu ĉi letero; sed ĝenerale ili ne presis tiujn partojn, kiuj koncernas la vivisekcadon. Niaj legantoj povos libere doni la tekston (tradukante ĝin nacilingven) al iu ajn gazeto, kiu ĝin akceptos.

---

**Sistemoj forigindaj.**

El la libro „The Healers“ (La Kuracantoj. De D-ro Benzion Liber, havebla ĉe li, Post Office Station M. Box 2, Novjorko, Usono. Prezo 3 dol.) ni prenas jenan dialogon:

A.: Sed, ĉu vi scias, ke per viaj malmultaj paroloj vi malaprobis la tutan medicinan sciencon? Se vi estas prava, ni — la kuracistoj — estas malpravaj. Nia traktado baziĝas sur malĝustaj principoj. Ĉu vi konscias, kion

tio signifas? Kaj ĉiuj famaj viroj kaj la centmiloj da kuracistoj, el kiuj konsistas nia glora profesio . . ."

B.: Sensencaĵo! Kelkaj el ili eraras. La aliaj tute ne analizas, tute ne kritikas. Ili nur sekvas. Ili ĉiuj troviĝas interne je la granda eraro, kaj ĉio troviĝanta interne je ĝi estas korekta. Sed la eraro estas tro granda, por ke oni ĝin povu vidi, kaj ju pli da malgrandaj faktoj kaj detaloj estas amasigitaj, des malplie tiuj homoj povas rigardi sian sciencon el la ekstera flanko. Iam, kiam mi havos tempon, mi skribos libron pri la sano kaj la kaŭzoj, la antaŭa malhelpo kaj la kuracado de malsanoj. Vi estos surprizata vidante, kiom simpla en la fundo estas la kuraca scienco.

A. (ripetante): „Interne je la granda eraro!"

B.: Jes, estas la sama afero, kiel en ĉiuj sistemoj, la sama kiel ĝenerale en la tuta homa socio, la sama kiel en la vivo mem. Interne je iu granda mensogo troviĝas relativaj veroj, kaj multaj malgrandaj veroj kune formas unu grandan trompaĵon. Interne je la socio, kiu baziĝas sur malvero kaj maljusteco, troviĝas honesteco. Interne je la komerco, kiu en si mem estas simpla ŝtelado, troviĝas honesteco. Troviĝas etikaj principoj en la milito, kiu ja en si mem estas abomena krimo".

Trad. O. B.

---

**Strindberg en Esperanto.**

Estas mirige, ke nur nun aperas traduko de la grandioza Strindberga novelo „La Konscienco riproĉas". Tradukis ĝin tre klare kaj zorgeme samideano G. H. Backman, unu el la pioniroj de la Esperanto-movado en Svedujo. Li estas jam de 36 jaroj Esperantisto.

Jam por la Dresdena Kongreso (1908) aperis en eldonejo K. W. Appelberg, Uppsala, Svedujo, du fortaj Strindbergaj dramoj: Fraŭlino Julie (traduko de Nylén kaj Krikortz) kaj Pario (traduko de Birjer Ström). Dum la kongreso mem Svedoj ludis tiujn du dramojn majstre en Esperanto. Bedaŭrinde ne montriĝis sufiĉe da komprenemo inter la Esperantistoj por la (tiam) tre moderna arto de Strindberg.

Eble oni nun ree interesiĝos pri tiuj malnovaj tradukoj. La nova traduko, kiu devus troviĝi en la mano de ĉiu idea Esperantisto, montras nesupereblan novelon de Strindberg, kiu aperis en la kolekto „Utopier i Verkligheten" (Utopioj realigitaj), kaj estas esperinde, ke ankaŭ la aliaj noveloj el tiu kolekto aperu en Esperanto.

La temo de la novelo „La Konscienco riproĉas" (or. Samvetskval) estas prenita el la francgermana milito de 1870—71 kaj montras rezervoficiron, kiu freneziĝas, kiam li konsciiĝas pri tio, kion li faris. Li plenumigis mortverdikton kontraŭ tri liberbrigadanoj (franc-tireurs). Montriĝas la diabla ironio de la vorto „devo", kiun uzas homoj enkatenigitaj en sistemon, por senkulpigi agojn, kiuj estas hontindaj.

Sed ne timu tiu, kiu ankoraŭ ne konas la novelon, ke ĝi estas simpla tendenca rakonto. Tute ne: la arta genio de Strindberg (en tio parenca al tiu de Shaw) konstruis artan majstroverkon.

La literatura pliriĉiĝo de la Esperanta mondo, lasttempa, donas la fidon, ke nia afero jam ree vivas, kiel ĝi vivis antaŭ la militego, kaj ke fortoj subtenas ĝin, kiuj ne estas kalkuleblaj per simpla adicio de ciferoj. Tasko de la Esperantistaro estas, subteni tiun literaturon per interesiĝo kaj aĉetado. Neniu gajnas pli multe per tiuj aĉetoj, ol la aĉetantoj mem; sed la utilo bonefikas sur la tutan movadon.

O. B.

Kun granda doloro ni ricevas lastmomente la sciigon, ke Gustaf Erik Backman, la tradukinto kaj eldoninto de „La Konscienco riproĉas", mortis la 14-an de julio 1928-a.

---

**Pri la Frateco inter la Popoloj.**

Ilija Enĉev, Bulgarujo.

La ordinara rilato de la homoj al tiel nomata **Malbono** (t. e. la suferoj, kiujn ili mem kaŭzas unu al alia aŭ kiujn kaŭzas naturaj potencegoj, kiel ekzemple la tertremo en suda Bulgarujo) estas negativa: ili koleras, protestas kontraŭ la „sorto". Tamen por la prudenta homo la „malbono" ne estas minuso en la vivo. La prudentulo sukcesas eltiri el ĉiu minuso pluson, precipe el la duaspecaj suferoj (naturpotencegaj).

En la etika „matematiko", laŭ la logiko de vera saĝeco, oni devas eltiri pluson el la minuso: leviĝon al pli granda humileco kaj al pli granda preteco por la akcepto de la morto.

Pensante pri la „malbono", kiun alportis la tertremo, mi konfesas, ke ĝi perdiĝas kiel guto en la maron, kompare kun la bono, kiu manifestiĝas en la rilatoj de la suferantoj inter ili, de la nesuferantoj kun la suferantoj kaj ankaŭ de la tuta mondo al Bulgarujo. Oni ne povus imagi, ĉe kiuj aliaj cirkonstancoj la mondo povus manifesti al Bulgarujo tiom superan homanecon esprimitan per rapida helpo, stimulitan de sincera amo kaj kompato!

La tertremo montris nediskuteblan, plej evidentan pruvon, ke la supera leĝo en la homrilatoj estas la amo, kiu manifestiĝas senprokraste en interhelpo, senkonsidere de rasaj, klasaj, seksaj kaj aĝaj diferencoj, sed celante nur la homon; pruvo, ke la amo al ĉiuj estas la vivleĝo kaj ne la malkonkordo, la malbono kaj la reciproka ekstermo.

Kaj efektive granda okazintaĵo! Oni estis preta helpi frate el ĉiuj teranguloj. Tamen precipe forte impresis tio, kion la Serboj manifestis al ni. Oni paroladis pri eterna „malamo" inter la du popoloj, kaj ili, la „malamikoj", tuj alkuris helpe, por savi la pereanton. Ĉu estas pli bona pruvo pri simpatio kaj amo ol la ago mem? Kaj jen: la Skupŝtina (serba parlamento) voĉdonis por milionoj; lernantoj kruciris la landon kaj persone disdonas helpon. En la stacidomo Papazli serba laboristo vojaĝanta al Konstantinoplo donis siajn lastajn cent levojn kun larmoj en la okuloj antaŭ la terura bildo de la detruo. Episkopo Dositej el Niŝ ankaŭ venis persone al la suferantoj, por disdoni helpon, kaj kun larmoj paroladis pri la sorto de la viktimoj. La larmoj de unu sola homo pro kompato kaj amo, etendanta fortikan brakon por helpo, estas multe pli granda okazaĵo en la homarvivo ol la verkado de volumoj aŭ la akiro de iu ajn materia bonfarto. La ĉefaĵo estas la manifesto de la diaj ecoj en la homo.

Post tiuj okazintaĵoj en la rilatoj de ambaŭ „malamikaj" popoloj en mi lokiĝis la penso, kiu obstine bezonas la intertraktadon kun la legantoj de „Svoboda" („Libero", semajna bulgarlingva gazeto por la renovigo de la vivo, en kies *229*-a numero aperis tiu ĉi artikolo). Tiu penso estas rememoro de tio, kio okazis inter Ĉilo kaj Argentino la 13-an de marto 1904 (vidu Vyzrájdane [revuo „Renaskiĝo"] XV-3 „Kristo kiel Pactestamento"). En la Andoj, sur la limo, je altaĵo kvarmilmetra la du popoloj starigis grandiozan bronzstatuon el fanditaj kanonoj al Kristo kaj promesis:

„Tiuj montaroj polviĝos pli facile, ol la loĝantoj de Argentino kaj Ĉilo malobeos la pacon, kiun ili, sub la piedoj de Kristo, sin devigis gardi.“

Mi opinias, ke inter la loĝantoj de Bulgarujo kaj Serbujo (kaj inter ĉiuj popoloj) tio povas okazi. Kaj tiu ĉi kredo ne estas utopia, sed fortigita per la larmoj de tiuj, kiuj venis kaj etendis brakon por helpo kaj savo. Tiu kredo ĉirkaŭbrakas ĉiujn, kaj tio, kio hieraŭ estis revo, fariĝos hodiaŭ aŭ morgaŭ viva ago. Ni kredu en la granda leĝo de la viva frateco, kaj ni laboru per ĉiuj fortoj por ĝi. (Nia ŝatata verkisto Enĉev ne nur predikas la „vivajn“ vegetarismon, fratecon ktp., sed provas praktiki ilin en unu el niaj teristaj gefrataroj: Vegetara Kolonio apud vilaĝo Meĉkjur, Plovdivsko, Bulgarujo. Rim. de la tradukinto.)

Esperantigis Agro, Ville d'Avray, 2-7-28.

Samideano Adolf Vimson mortis la 2-an de junio post longjara malsanado je ftizo en aĝo de 41 jaroj. Li esperantistiĝis en la jaro 1921-a. Estante vegetarano de sia junaĝo, li hazarde ekvidis „Vegetaranon“, kaj dank' al tio li ekinteresiĝis ankaŭ pri Esperanto, kies ideo tiom ekregis lin, ke ĝi sukcesis konsiderinde mildigi liajn suferplenajn lastajn vivjarojn.

La morto de ĉi tiu idea vegetarano estas dolora perdo por la estonaj vegetaranoj, kies nombro ne estas granda.

H. D.

### El multaj landoj.

**Ĉeĥoslovakujo.** Notinda por ĉiuj vegetaranoj estas la fakto, ke en julio 1929-a la Internacia Vegetara Kongreso de la Internacia Vegetara Unio okazos en Stein-Šenov v Čechách). La pejzaĝo, kiu ĉirkaŭas tiun lokon, schönau en la germanlingva Bohemujo (Kamenický estas belega kaj estas la celo de multaj belecsoifaj vojaĝantoj. Oni atingas la lokon sur la granda fervoja linio Berlino—Prago—Vieno, prenante en la limurboj Tetschen (Děčín) aŭ Bodenbach (Podmokly) la Boheman Nordfervojon. Venu multnombre precipe la Esperantistoj: ĉar Esperanto estas unu el la oficialaj lingvoj de la kongreso kaj de la I. V. U. Adreso de la kongreso: Redaktisto Hans Feix, Warnsdorf VI-1810, Ĉeĥoslovakujo.

**Aŭstrujo.** La kontraŭuloj de la vivsekcado, okaze de la punleĝa reformo en Aŭstrujo, insistis, por ke la vivisekcado estu de nun malpermesata en tiu lando.

**Belgujo.** Mortis sen malsano kaj sen doloro s-ino André, prezidintino de la Vegetara Societo de Belgujo. Ŝi estis senlaca en la agado kaj sciis transdoni ankaŭ al aliaj sian entuziasmon.

**Danujo.** La (nevegetara) revuo „Tidens Krav“ (Aktualaj Postuloj) enhavis akran artikolon kontraŭ la glandgreftaj eksperimentoj, kiu diras interalie:

Nenatura scienco antaŭenpaŝas al sia propra ruiniĝo, kaj la kuracsciencistoj de nia epoko efike laboradas, por malebligi sian propran ekziston, ĉar la bazo de tiu ĉi scienco fariĝis kontraŭnatura, ĉar ĝiaj laboradoj fariĝis fabriksimilaj kaj ĉar ĝiaj celoj estas tro multe karakterizitaj per Sporto kaj Profitemo. Kuracista scienco, kiu servu al sia vera celo: konservi la sanecon de la homaro, devas baziĝi sur aliaj principoj ol tiuj de nia epoko. Ĝi devas trakti kiel plej gravan demandon tion: kio konservas la sanon, kiu vivmaniero estas ĝusta; kaj ĝi devas senlace laboradi, por informi la homojn pri tio, kiuj ĝuaĵoj kaj nutraĵoj efikas ruinige sur la farton. —

La „Vegetarisk Tidsskrift“ raportas pri progreso en la dana fruktkulturado. En la Dana Montessori-Lernejo, kiu sekvas vegetarajn principojn (adreso Egelundshuset pr. Frederikssund) okazas regulaj kursoj pri edukado kaj vivarto. En la vegetara junulargazeto „Nye Veje“ (eldonanto Aksel Pille, Rosengaarden 12 A, Kopenhago) Fink-Jensen aperigis legindan artikolon pri „Vegetarismo, Pacifismo kaj Seksa Moralo“.

**Francujo.** La vegetara kaj vivreforma, pacifista tendaro en Chevreuse estos malfermata la 15-an de julio kaj daŭros ĝis la 30-a de oktobro. Oni tie faros interesajn paroladojn. Oni instruos Esperanton, kaj la eksterlandanoj povos partopreni en kurso pri la franca lingvo. Aliĝojn oni adresu al la societo Le Trait d'Union, 73-bis, rue Bobillot, Parizo 13. Chevreuse troviĝas 4.5 km de la fervoja stacio Saint-Rémy atingebla de la staciejo Denfert-Rochereau en Parizo.

La organo de la ligo „Trait d'Union“: „Régénération“ raportas pri propagando farita de „Frato Jakobo“ (D-ro Demarquette) en Bordeaux, Toulouse, Lyon kaj Compiègne. Per sia akademia tezo „La ideoj de J. A. Gleizès kaj ilia influo sur la naturistan movadon“ li altiris la atenton de la akademia medio al nia afero. Tiu laboro estas la unua doktora tezo dediĉita al la vegetarismo kiel filozofa doktrino.

**Hispanujo.** Laŭ la vegetara revuo „Acción Naturista“ la ĉiutaga gazeto „El Liberal“ de la urbo Murcia enhavis artikolon tre bonan „La servoj de tiu el Asizo“ (Sankta Francisko), kiu protestas kontraŭ la partopreno de franciskanoj en la ĉassporto. Oni postulas, ke tiu hontinda sporto estu absolute malpermesata al franciskanoj, kaj fakte ne estas komprenebla, kiel oni povas esti ĉasanto kaj samtempe aparteni al la ordeno de tiu, kiu nomis la bestojn siaj fratoj.

**Hindujo.** Bhagat Ram, Jiv Daya Parcharak, Ferozepore Cantt., Punjab, Hindujo, dissendadas cirkulerojn, kiuj postulas la liberigon al la virinoj en Hindujo. „El ĉiuj religioj“, li diras, „la hinduismo donis al la virino la plej mizeran lokon“. Samtempe oni postulas, ke la popolo estu liberigata de la klasa aroganteco.

**Bulgarujo.** La 11-an de majo malaperis Andrej Krystev, granda kunbatalanto en la movado kontraŭ la milito kaj por vegetarismo kun ĉiuj ĝiaj konsekvencoj. Li estis kunlaboranto en la koopera eldona societo „Posrednik“ (peranto). Li estas viktimo de politika krimo!

**Grandbritujo.** „Hitherwood“, 19 Sydenham Hill, Londono S. E. 26, estas internacia gastejo en Londono, sur kampara teritorio, kie oni povas loĝi malkare sub agrablaj kondiĉoj. Vegetara manĝaĵo estas havebla. — La Nacia Societo de Nefumantoj, 37 Old Devonshire Road, Londono S. W. 12, eldonis sian unuan jarraporton kaj flugfoliojn „A Plea for the Non-Smoker“ (pledo por la nefumanto), „Cameos in the Smoke“. En majo okazis

en Cheltenham kunsido de vegetaranoj prezidita de fraŭlino Geddes. S-ro Ernest Bell faris impresan paroladon, en kiu li interalie diris:

„Same kiel la unua paŝo de kanibalo en la civilizon konsistas el tio, ke li ĉesas manĝi siajn kunhomojn, ni nun alvenis ĉe epoko, kiam la sekvonta granda paŝo de nia civilizo konsistas el tio, ke ni ĉesas manĝi niajn aliajn sentemajn kunkreitaĵojn kaj ĉesigas ĉiujn neeviteblajn kruelecojn ligitajn kun tia kutimo."

Mortis s-ro George William Sibly la 31-an de majo. Li estas la fondinto de la konata Wycliffe College, Stonehouse, kiu jam de kelka tempo estas gvidata de lia filo, dumviva vegetarano. Li mem fariĝis vegetarano en la jaro 1868-a.

La internacia Komitato de la Tutmonda Junulara Pacokongreso 1928: The British Federation of Youth, 421 Sentinel House, Southampton Road, Londono W. C. 1, Anglujo sendis cirkulerojn pri ĝia kongreso okazonta de la 17-a ĝis la 26-a de aŭgusto en Eerde ĉe Ommen (Nederlando). Kongresa sekretariejo: Jongeren Vredes-Actie, Koningin Sophiestr. 37, Hago, Nederlando. La nutraĵo estos vegetara, senalkohola; fumado ne permesata. Naciaj flagoj n e estas dezirataj.

**Argentino.** En la urbo Mendoza prof. Juan Esteve Dulin faris la 17-an de marto paroladon por la protekto al la bestoj kaj kontraŭ la vivisekcado. Li postulis, ke la bovbataloj kaj la kokbataloj estu absolute forigataj per malpermeso. Li akcentis la impreson, kiun krueleco faras al infanoj kaj citis la ekzemplon de sepjara infano en Hispanujo, kiu senkapigis sian propran frateton, imitante simple tion, kion la patrino estis farinta per la kokinoj, kiujn ŝi mortigis. Li parolis pri la grandaj buĉejoj en Ĉikago kaj aliaj grandaj urboj kaj resumigis sian opinion per la diro, ke „ĝis kiam la homoj mortigos bestojn, ili ankaŭ reciproke sin mortigos". Li forte mallaŭdis la sporton de la ĉasado kaj bedaŭregis, ke ankoraŭ nun oni organizas paŝadon al vivaj kolomboj en la ĉirkaŭaĵo de Buenos Aires. Dulin ĝojis, ke pro la progreso de la tekniko iom post iom malaperas la sklaveco de la bestoj. Li estas vegetarano de pli ol dudek jaroj. Pri la v i v i s e k c a d o li defendis jenajn tezojn (resumigitajn):

1. La vivisekcado ne estas necesa; ĉar ĝi ne donis al ni iun ajn eltrovon, kiun ne estus povintaj doni aliaj metodoj.

2. La vivisekcado estas abomena oferado de bestoj sen iu profito por la homo (laŭ diro de la fama angla fiziologo Charles Bell).

3. La vivisekcado detruas en la civilizita homo la sentojn de kompato, kiuj estas tiom necesaj.

4. Tro malofte oni sensentigas (anesteziigas) la bestojn dum la praktikado de la vivisekcado; ĉar la eksperimentado per anesteziitaj bestoj ne donas la samajn rezultojn kiel la sentemaj.

5. La kuraro uzata de la vivisekcantoj por paralizi la bestojn pligrandigas la sentemon kaj tiel kaŭzas „la plej teruran doloregon, kiun homa penso povas imagi" (Citaĵo laŭ Claude Bernard).

6. Deklaroj de multaj medicinistoj konfirmas, ke pro tio, ke la eksperimentado per bestoj ne donas ankoraŭ la deziratajn informojn, oni ofte eksperimentas per homoj. Miloj da bestoj estas ĉiutage turmentegataj en la tuta mondo, por liveri la serojn kaj vakcinaĵon. Ondo de krueleco etendiĝas super la mondo, kaj ĝi estas tute nenecesa; ĉar efektive ni ĉiam denove revenas al la veroj jam eldiritaj de Hipokrato, kiu eltrovis eternajn verojn, ne nur evitante ĉiajn vivisekcadojn, sed eĉ simplajn sekcadojn.

Prof. Dulin akompanis sian paroladon per efikaj lumbildoj.

**Usono.** Kie ajn la fama aviadisto Lindbergh partoprenis en festenoj, li ĉiam rifuzis trinki alkoholaĵon. Jam en Parizo, tuj post lia fama unua transatlanta flugo, li petis akvon anstataŭ vino, kiam oni toastis je lia honoro. Li ankaŭ ne fumas.

**Sud-Afriko.** La organo de la Londonaj vegetaranoj „The Vegetarian News" donas raporton de vegetarano el Suda Afriko. Li diras, ke la vegetarismo inter Eŭropanoj estas ankoraŭ tre malmulte konata, sed ke klimato kaj vegetaĵo estas tre favoraj al vegetara vivado. Ekzistas sufiĉe da izolaj vegetaranoj; sed nur en Pietermaritzburg, la ĉefurbo de la ŝtato Natal, troviĝas filia societo de la „Order of the Golden Age" (Ordeno de la Ora Epoko). La hindoj kaj la indiĝenoj, kiuj per kutimo kaj religia kredo estis vegetaranoj, tuj forlasas vegetarismon, kiam ili kontaktiĝas kun la blankula civilizo. La indiĝenoj tute ne estas vegetaranoj pro principo; sed plej multaj „ne manĝas bovojn pro la samaj motivoj, pro kiuj la Eŭropanoj ne lumigas siajn cigaredojn per kvinfunta banknoto", t. e. ili estas tro malriĉaj por manĝi viandon.

Vegetaranino, kiam ŝi dungis indiĝenan junulon por la domservo, diris al li, ke ŝi same kiel li ne manĝas viandon. Sed li ne konsentis kaj rediris: „Ho ne, sinjorino, mi estas bona kristano kaj manĝas multe da viando".

**Germanujo.** La konata 70-jara pacifisto Ludwig Quidde estas ankaŭ agema kontraŭulo de la vivisekcado. La tabakkontraŭuloj havas sian ligotagon la 4. ĝis 6. de aŭgusto en Breslau.

La politikaj partioj demokrata kaj socialista postulis de la parlamento la definitivan forigon de la mortpuno, per leĝdekreto. En Stutgarto D-ro Heinrich Meng, Stonenbergstr. 6 D, gvidos en aŭgusto kurson por kuracistoj pri homeopatio. Multaj famaj kuracistoj faros tie instruajn paroladojn.

De la 6-a ĝis 12-a de aŭgusto okazos sur la Freusburg denove kunsido de la tutmonda junularo. Ĉiu partoprenanto prenas sur sin la devon, vivi dum la tagoj vegetare, sen alkoholo kaj sen tabako. Paroladoj estos tradukataj nur en Esperanton. La flugfolioj estas presitaj en lingvoj germana kaj Esp. Aliĝoj el Germanujo al Hedwig Eichbauer, Hamm a. Sieg, el aliaj landoj al Werner Jantschge, Eckenheimer Landstr. 287,I., Frankfurto M., Germanujo.

Pro la lastjaraj dekretoj kontraŭ la kuracista libereco formiĝis „Reichskartell für Volksgesundung und Volksaufklärung" (Regna Kartelo por Popolsaniĝo kaj Popolkleriĝo), adreso: Berlino S.W. 48, Wilhelmstr. 137. Ĝi postulas, ke la kuracado per nepatentitaj metodoj estu permesata, ke la vakcinado ne estu deviga, ke estu forigataj amasvakcinadoj, ke la ŝtate asekuritaj personoj povu libere elekti siajn kuracistojn, ke la kuracistoj estu devigataj praktiki silentemon kaj estu liberaj rilate al instruaj kaj lernsistemoj, ke la tiel-nomataj sciencaj eksperimentoj je vivantaj homoj en malsanulejoj estu malpermesataj kaj ke superfluaj eksperimentoj je vivantaj bestoj estu forigataj. —

Ekzemple: la profesoroj Hesse kaj Obermeyer en Graz inokulis seksmalsanon al 27 vivantaj pacientoj. Prof. Wertheim en Vieno kaŭzis veran seksmalsanon en sanaj viroj artifike. La samon faris prof. Bumm en Bazileo, kaj

D-ro Grosz faris tiun abomenan eksperimenton je 24 junuloj en la aĝo de 14 ĝis 17 jaroj! D-ro Menge de la Universitato de Lipsio metis al 35 virinoj bakterian venenon en la vaginon, por vidi, ĉu ekestos ulceroj. La saman eksperimenton D-ro Krönig de la Universitato de Lipsio faris kun 35 gravedulinoj! La puso uzita tiucele devenis de kadavro. Jen faktoj notindaj! —

La vivreformema junularo el la regionoj de la riveroj Rejno, Main kaj Fulda renkontiĝos la 2-an de septembro sur la kastelo Stahleck ĉe Bacharach apud Rejno. Aliĝoj kaj demandoj adresotaj al Edgar Koch, Lorchhausen, Rheing.

La loka grupo Wiesbaden de la „Pasbirdoj laŭ vegetaraj kutimoj" renkontiĝos kune kun samcelanoj de la regiono ĉiun duan sabaton je la 20-a horo en la „Stadtheim" de la „Neue Schar" (Nova Anaro); informojn donas Koch (adr. supre) aŭ Hermann Bos, Wiesbaden, Bierstädterstr. 3.

**Internacia Vegetara Kongreso 1929:** La Praga samcelano Prof. Dr. B a t ê k estas ano de la kongresa komitato. Detalojn vidu en la sekcio „I. V. U." de nia bulteno.

---

### La Mondjunularo.

Partoprenintoj de la mondjunulara kunveno en Freusberg (Germanujo) dum la pasintjara aŭgusto preparas novan renkontiĝon. La ĉeftemo de tiu renkonto estis religio kaj vivreformo. Ĝin pridiskutis personoj kun diversaj konceptoj kaj anoj de ĉiuspecaj grupoj kaj unuiĝoj.

Pri la unua devo de la junularo kaj la homaro parolis la franca batalanto por interpopola konkordo D-ro Demarquette. Flanke de Germanoj paroladis Nikolaus Ehlen, Erich Mohr, Wilhelm Solzbacher, Kurt Döbler k. a. La cemento de tiu renkonto estis la konscio, ke religio estas senvalora, se ĝi ne penetras ĉiujn manifestojn de la homa vivo, se ĝi ne vekas energion, por levi la homaron.

Koncerne la ordonojn de la ŝtato oni konsentis plenumi ilin, sed kondiĉe, ke ili ne kontraŭu la postulojn de la konscienco. Tiusence aro da partoprenintoj konfesis, ke ilia sankta devo en eventuala milito estos ne partopreni kaj ne helpi ĝin.

(Mallongigita raporto sendita de Agro, 6. 5. 28.)

---

### Vegetaraj kaj parencelaj eldonaĵoj.

**Sol- och luitbadkolonien** i Öglunda (Sun- kaj aerbana kolonio en Öglunda), cirkulero de ĝia direktoro A. Rosenberg, Skara, Svedujo, kun aldono en Esperanto, por inviti fremdajn esperantistojn. La poŝtadreso de la kolonio estas: S-no Johansson, Öglunda, Istrum, Svedujo. Esperantistoj prefere turniĝu al la direktoro.

**Kak i čem pitatjsja** (Kiel kaj per kio nutri sin, por esti sana), 112-paĝa broŝuro ruslingva de D-ro Izakson; kolekto „Fundamentoj de Racia Nutriĝo" (Osnovy Racionalnogo Pitanija): Leningrado 1928, eldono de la Leningrada Science-Higiena Vegetara Societo, strato de Gogol 12, Sovjetunio. Prezo 50 kop. Scienca klarigo pri la sistemo de vegetara reĝimo, kun proponoj por vegetaraj manĝaĵoj.

**Die Augendiagnose,** germanlingva 94-paĝa broŝuro pri la okuldiagnozo kiel bazo por la traktado al malsanuloj per elektro-homeopataj, biohemiaj, homeopataj rimedoj kaj dieto. De Alfred Grabe, Hohen Neuendorf (Nordbahn), Bismarckstr. 23, Germanujo. Prezo 1.50. Dua volumeto. La unuan volumon (Kio estas okuldiagnozo?) ni jam citis ĉi tie.

**Renacer,** senpaga perioda gazeto por la propagando pri vegetarismo laŭ ĉiuj rilatoj („kompleta naturismo", kiel diras la latinidaj lingvoj). Adr. Mirinay 1459, Buenos Aires, Argentino. Tiu ĉi bulteno („Renaskiĝo") estas kompilata kaj eldonata de laboristoj kaj kunigas la vegetarismon kun la socialismo. Larĝhorizonta, parolas ironie pri la vegetaraj profesoroj, kiuj fondas skolojn kaj sistemojn, por profiti el ili.

**Prof. D-ro Ravasini,** Mond-Universitato, Vieno, Aŭstrujo, petas per cirkulero, ke niaj legantoj estu informataj pri la nova, de li fondita internacia instituto por la esploro de la Alpoj.

**Nachrichtenblatt** (Informilo germanlingva) de la internacia movado por kristana komunismo, eldonata de Przemysl Pitter, Prago X, Karlin, Čehoslovského 7. La unua numero enhavas artikolojn pri Gandhi, pri la stato de la movado en pluraj landoj kaj pri Romain Rolland.

Pri la vegetara grupo en Moskvo, ĉirkaŭ la amikoj de Leono Tolstoj: patro kaj filo Ĉertkov, ni ekscias, ke ĝi ankoraŭ vivadas, kvankam ĝi ne povas fari efikan propagandon.

**Die Frau im Staat** (La virino en la ŝtato) estas monata, tre bone redaktata gazeto, kiu postulas forigon de la militoj, malpermeson de la alkoholo, anstataŭigon de la nunaj laŭviraj leĝoj kaj moralideoj per aranĝoj, kiuj estas influitaj ankaŭ de la virina vidmaniero. Jarabono 6 g. M. Eldonejo: Käte Beiszel, Frankfurto a. M. — Süd, Schwantalerstr. 25, Germanujo.

**Der neue Morgen** (La nova Mateno), ĝenerala reformgazeto duonmonata en germana lingvo, adreso Berlino SW 48, Wilhelmstr. 120. Jarabono g. M. 3.40.

**The Educational Worker,** organo de la socialistaj instruistoj, angla; adreso: 15 Springfield Gardens, Londono E. 5, Anglujo. Nia samideano Osmond aperigis artikolon pri S. A. T.

**The Animals' Champion** (La defendanto de la bestoj), organo de la Tutmonda Ligo kontraŭ Vivisekcado kaj por la Protekto al la Bestoj, 47 Hamilton Road, Highbury, Londono N. 5, Anglujo. Jarabono 6 p. La ligo pro memoro al Francisko de Asizo elektis la 4-an de oktobro kiel ĉiujaran Tutmondan Tagon por la Bestoj.

**The Vote** (La Voĉdonrajto), organo de la Ligo por la Libereco de la Virinoj; eldonejo: 144, High Holborn, Londono W. C. 1, Anglujo. La aprila numero estas dediĉita al Jozefino Butler, la iniciatinto de la movado por la liberigo de la virinoj.

**Adresaron pri Vivreformaj Gazetoj aŭ Revuoj** publikigas jam en la kvara eldono Doktoro med. Bachmann, Berlino-Charlottenburg, Kurfürstenallee 40 (poŝtĉeka konto Berlin 163319). Prezo 1 g. M.

---

### Esperantaj Eldonaĵoj.

**English-Esperanto Vocabulary,** vortareto en la formo de la konataj Esperanto-ŝlosiloj; prezo 2 pencoj; havebla ĉe la Brita Esperanto-Asocio, 142 High Holborn, Londono W. C. 1, Anglujo. Pro la malgranda formato ankaŭ utila por lernintoj de angla lingvo, dum vojaĝo.

**Pri la Origino de l' Homo,** laŭ prof. Keith, tradukis prof. Brown kaj McCormick, prezo broŝurite ŝ. 9 p. plus afranko 2 p., bindite 2 ŝ. 6 p. plus afr. 3 p. eldonejo The Esperanto Publishing Co., 142 High Holborn, Londono W. C. 1, Anglujo; detale ĉe Brita Esperanto-Asocio, sama adreso.

La 64-paĝa libro traktas Darvinismon laŭ la nuna stato de scienca esplorado, leĝojn de homa evoluo kaj la Ŝparadon kiel faktoron en la evoluo. Rekomendinda.

**Luno de Izrael,** rakonto pri la Eliro, de Sir H. Rider Haggard; trad. Edward S. Payson kaj Montagu C. Butler; prezo broŝ. 3 ŝ. 6 p. plus afranko 4 p., bindite 5 ŝ. plus afranko 5 p. Havebla ĉe Brita Esp.-Asocio.

La 219-paĝa libro, en bona Esperanta lingvo, enhavas belan romanon el antikva Egiptujo kaj signas novan ĝojigan fakton en la kresko de la Esperanta literaturo.

**Das Esperanto ein Kulturfaktor,** Oka Volumo. Unu volumo el tiu kolekto ĉiam akompanas la germanajn Esperantokongresojn. Tiu ĉi oka volumo eldonita okaze de la Potsdama kongreso enhavas valorajn faktojn por propagandistoj de nia lingvo.

**La Esperanto-Instituto de Estonujo,** adreso postkast 6, Tallinn (Revalo), eldonis broŝuron „Konsiloj al Esperanto-Instruistoj" (prezo 1 respondkup.), Regularon por siaj Esperanto-Ekzamenoj kaj „Konsilojn, rekomendojn kaj klarigojn por la kandidatoj al la Esperanto-ekzamenoj."

**International Language,** 142 High Holborn, Londono W. C. 2, Anglujo (jarabono nur 2 ŝ. 6 p.), regule enhavas tre interesajn artikolojn en angla lingvo (krom Esp. teksto). La julia numero donas bonegan paroladon de D-rino Alexandra Fisher pri „La Ideo de Lingvo".

**Oficiala Jarlibro** de la Esperanto-Movado, 1928, 16-a jaro, Universala Esperanto-Asocio, 12 Boul. du Théâtre, Ĝenevo, Svisujo. Jam pro la donaco de la jarlibro, kiun UEA faras ĉiujare al siaj abonantoj, la aliĝo al tiu grava organizo estas rekomendinda. Tiun ĉi fojon la libro enhavas belajn ilustraĵojn pri multaj urboj kaj interesan artikolon pri la historio de la civilizo.

**Eldona Societo Esperanto, Stokholmo** 1, Svedujo, sendis du belajn fotokartojn kun portretoj de Zamenhof kaj de Ĉe (prezo 10 ekz. sv. fk. 1.50), folieton „Du Kantoj" (La Espero kaj La Tagiĝo), prezo 10 ekz. sv. fk. 1.—; 100 ekz. sv. fk. 8.—, novan svedan Ĉefeĉan ŝlosilon „Nyckel till Esperanto" (2 ekz. kostas 2 UEA-kuponojn de 30 cent.) kaj Manĝokarton de la Stokholma restoracio „Pagod" Södra Kungstornet, loĝ. 15-a kaj 16-a. Tiu manĝokarto estas presita en sveda lingvo kaj en Esperanto. Tre utila apliko de nia lingvo!

**Hector Hodler,** lia vivo kaj lia verko; reeldonita de UEA 1928. Tiu iniciatema kaj fajre entuziasma samideano, kiu per la fondo de la UEA, kiu praktike aplikis Esperanton, estis unu el la plej citindaj savintoj de nia afero dum kriza tempo (1908), estos unu el la plej notindaj personoj, kiam la historio de Esperanto estos skribata ne por la nuna Esperanta popolo, sed por la tuta homaro ĝuanta la benon de nia lingvo.

Ĝisnunaj historiistoj prikantis (plie aŭ malplie falsigante la faktojn) la gloron kaj la heroaĵojn de siaj popoloj, kaj militado kaj mortigado ludis la ĉefan rolon en tiuj rakontoj. La Esperanta popolo havas alian historion: ĝiaj herooj ne portas „glavojn sangon soifantajn", sed estas la personigita konscienco de la homaro. En sia letero de la 5. 1. 1915 — do, dum plej alta furiozo de la mondmilita malamo — Hector Hodler diris:

„Ni havas la devon ne forgesi. Ne forgesi tre elementan veron , kiun la pli granda parto de niaj samtempuloj kleraj aŭ nekleraj ne plu atentas kaj neniam bone atentis, nome: ke eŭropanoj (mi uzas tiun vorton, por montri la reprezentantojn de la nun militantaj landoj) estas kaj restas Homoj. Tiuj homoj, por ni esperantistoj, ne loĝas en malproksima planedo aŭ en gazetartikoloj. Ni vidis ilin, ni kontaktiĝis kun ili, ni konstatis, ke ili estas estaĵoj el la sama esenco. . . Super la landlimoj ni estis; super ili ni pense restu!"

**La Granda Leĝo,** de Petro Dynov, dua volumo el la „Biblioteko Nova Kulturo". Ĉiu numero kostas sv. fk. 0.40, jarabono (dek kajeroj) sv. fk. 3.—. Adr. Atanas Nikolov, Ulica Car Ivan Ŝiŝman 19, Burgas, Bulgarujo.

**Antaŭ novaj tagoj!** Flugfolio eldonita de la frataro „Blankaj Fratoj" (eldonantoj de la ĵus citita biblioteko), dissendita de D-ro St. Kadiev, Ĥaskovo, Bulgarujo.

**Esperanto. 500 komercaj frazoj.** Aŭtoro Robert Kreuz, eldonejo: Wilhelm Violet, Rotebühlstr. 123, Stutgarto, Germanujo. 32-paĝa utila broŝuro; prezo sv. fk. 1.—.

**Foiro de Graz** (Grazer Messe, Landhausgasse 7, Graz, Stirio, Aŭstrujo) eldonis bele ilustritan varbfolion en Esperanto. Senpaga.

**Bulgara Esperantisto,** adreso: poŝtkesto 233, Sofio. Jare sv. fk. 1.50.

**Sennaciulo,** red. E. Lanti, 14 avenue de Corbéra, Parizo 12, Francujo; adm. R. Lerchner, Colmstr. 1, Leipzig O. 27, Germanujo. La numero 194 enhavas bonegan artikolon „Proletaro kaj Tekniko" kaj notindan skizeton „Inter Ni". En No. 195 la skizo „Inter ni" tuŝas vegetarismon.

**Arbeiter-Esperantist,** red. Konrad Deubler, Munĥeno 13, Arcisstr. 48, Germanujo. Modele redaktata! En Esp. kaj germ. lingvoj.

**Internacia Pedagogia Revuo,** organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj; adm. M. Goldberg, Lipsio (Leipzig) S. 3, Frohburgerstr. 68. No. 4-5 estas sendita al 3000 Esp.-instruistoj. Interesuloj petu ĝin senpagan.

**Katalogo** de la firmo A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Friuli), Italujo.

**Konkordo,** organo de la jugoslavaj esperantistoj. Adreso: Sudslava Esperanto-Servo, Jezuitska ul. 1, Zagrebo, Jugoslavujo. Jarabono sv. fk. 6.—. Pro la bonegaj artikoloj de Ivo Rotkviĉ (vidu speciale la gvidartikolon „Fanatikeco" en la aprilo numero!) kaj pro cetera bona enhavo tiu ĉi gazeto estas tre rekomendinda.

**Pola Esperantisto,** red. Prof. D-ro Odo Bujwid, Krakovo, Polujo, Ulica Lubicz 34; jarabono 1 dol.

**Esperanto, det internationella språket** (E., la internacia lingvo), propaganda broŝuro historia de Paul Nylén; eldoninto: Sveda Esperanto-Asocio, postfack 698, Stokholmo 1, Svedujo. Prezo skr. 0.25.

**Interŝanĝa Bulteno,** red. Inĝ. Leopold Berger, Moravany, Ĉeĥoslovakujo. Eldonata de UEA kiel aldono al ĝia organo „Esperanto".

**La Konscienco riproĉas,** de August Strindberg, tradukita de G. H. Backman; eldonejo: G. H. Backman, Ramlösa Brunn, Svedujo. Prezo 1 sveda krono plus sendkostoj. Rekomendeginda. Vidu apartan priparolon.

**La Socialisto,** monata organo de la Aŭstra Laborista Ligo Esperantista. Jarabono dol. 0.50; germana kaj Esperanta. Eldonanto: Adalbert Klatil, Vieno XV, Holochergasse 36, 12. Tre bona!

**Poŝvortaro** laŭ Zamenhof, german-esperanta kaj esperant-germana, de Prof. Paul Christaller kaj Hermann Böbs. Granda materialo en tre bone komprimita formo.

formato, dikeco kaj fleksebleco de la volumeto tute laŭgaj por la poŝo. Prezo 1.80 germ. M. Vendejo kaj eldonejo: Esperantofako de la firmo Rudolf Mosse, Berlino S. 19, Jerusalemer Str. 40-46, Germanujo.

**La Forta Voko,** dana esperanto-gazeto redaktata de Paul Neergaard, Kopenhago — Ö. Kasteisvej 21, ne plu aperas memstare, sed kiel sendependa aldono al la ilustrita dana revuo „Sind og Samfund“ (Ideo kaj Socio).

**Jarlibro de la Lingva Komitato** kaj de ĝia Akademio, 1928: Parizo 9, Francujo, 51 rue de Clichy; prezo 2 ffr.

**Kiel estas la Mortintoj?** Libreto eldonita de la „Garda Turo“, Biblio- kaj Traktatsocieto, Esperanta Fako, poŝtkesto 15988, Baden, Argovio, Svisujo. Prezo sv. fk. —.50.

**Harmagedon proksimega. La Granda Piramido.** Flugfolio kaj pamfleto eldonitaj la unua de Adam Rutherford, 156 Keppochhill Road, Glasgovo, Skotujo; la dua de Morton Edgar, 224 West Regent Street, Glasgovo, Skotujo.

**Esperanto durch Sprechen** (Esperanto per Parolado), de Prof. Dr. Göhl; prezo 1 g. M.; eldonis Friedrich Ellersiek G. m. b. H., Berlino S. W. 61, Wilmsstr. 5, Germanujo. Aldono al la unua parto jam antaŭe eldonita. Germanlingva; tre bona; ankaŭ memstare uzebla.

**Heroldo de Esperanto,** la semajna Esperanto-gazeto, estos pliampleksigata en venonta vintro, kaj la redaktejo estos translokigata de Horrem apud Kolonjo al Kolonjo (Germanujo) mem. Jarabono 15 sv. fk. Senpaga monata aldono „Verda Stelo“.

---

### Respondoj, Informetoj, Deziroj.

**Lingvaj Demandoj.** S-ro Montagu C. Butler, adreso The Nook, Penrhyn Road, Kongston-on-Thames, Anglujo, dissendis cirkuleron, en kiu li petas, ke ĉiuj, kiuj pro lingvaj motivoj tenis sin for de UEA, nun ree laboru por kaj en tiu gravega Esperanta organizaĵo; ĉar ĝiaj direktantoj promesis reveni al la Zamenhofaj formoj kaj al la rekomendoj de la Lingva Komitato. Ni uzas tiun okazon, por rekomendi al ĉiuj legantoj de „Vegetarano“ la aliĝon al UEA.

**Represo de artikoloj** el nia bulteno estas permesata kaj eĉ dezirata kondiĉe, ke la fonto estu citata kaj ne estu ŝirataj el la kunteksto frazoj, kiuj izole perdas sian sencon. Tre dezirinde estas, ke samideanoj traduku ion el nia bulteno por nacilingvaj periodajoj.

**St. E.,** traduko laŭ Ivan Vazov. Ni dubas, ĉu ni povos utiligi vian tradukon por nia bulteno; ĉar ĝi estas iom longa.

**Georges Delanoue,** ĉefdelegito de UEA por Francujo, Parizo XIV, Rue Charles-Divry 4, per cirkulero „Al la Esperantistaro“ atentigas pri cirkonstancoj, per kies forigo laŭ lia opinio la UEA gajnus multe pli da fido kaj apogo, ol ĝi jam havas.

**Vivisekcado.** Nian lastan numeron jam akompanis cirkulero de la Mondligo kontraŭ Vivisekco kaj por la Protekto al Bestoj, adreso 47, Hamilton Road, Highbury, Londono N. 5., Anglujo. Tiun ĉi numeron akompanas glumarkoj de la sama organizo atentigantaj pri la 4-a de oktobro, kiu devas esti speciale dediĉata al la suferantaj bestoj, per penso, parolo kaj ago.

**E. A., Hispanujo, kaj aliaj.** Ni havas nek regularon presitan, nek membrokartojn, nek emblemon. La poŝtkartoj presitaj en la jaro 1908-a, kiam nia ligo havis ankoraŭ la nomon Internacia Unuiĝo de Esperantistaj Vegetaranoj, ne estas plu aĉeteblaj.

**Kie estas mia hejmolando?** Tiu ĉi artikolo, tre bona, jam aperis en la monata gazeto „Esperanto-Junularo“, kaj pro tio ni ne represas la kopion al ni senditan de St. B.

**La redakcio de „Klerigo“** (Asveta), blankrusa pedagogia revuo, kiu aperas, resumite, ankaŭ en Esperanto, dissendis cirkuleron protestantan kontraŭ la juĝo de la Vilna Tribunalo (Polujo) de la 22. 5. 1928 kontraŭ blankrusaj kamparanoj kaj laboristoj. Adreso: Redakcio de „Asveta“, Nar. Komisarjat Asvety, Minsk, Blankrusujo, Sovjetunio. Esperanta Organizo en Minsk: poŝtkesto 33.

**Sovjetunio:** De kelkaj jaroj jam ni ne sukcesas, ricevi iun kotizon de ricevantoj de nia bulteno en Sovjetunio pro la malfacileco de monaj rilatoj. Nun la Moskva Vegetara Societo (Moskovskoje Vegetarianskoje Obŝĉestvo), fondita en la jaro 1909-a, adreso Ulica Ogarjeva (6. Gazetnyj per.) 12; Administra Sovjeto Moskvo 9, poŝtkesto 2135, deklaris sin preta, transigi al ni aliĝojn kaj kotizojn.

**Estas neeble** al la redaktanto, respondi individue al ĉiu letero aŭ poŝtkarto ricevita. Ĉetere, tre ofte li ricevas demandojn, kiuj jam trovas respondon en la bulteno mem. La celo de nia Vegetara Ligo Esperantista estas jam esprimita sur la titolpaĝo de nia bulteno.

Ankaŭ tiu ĉi numero eliras kun prokrasto pro somera vojaĝo de la redaktanto. Li estis en la vegetara pensiono de fratinoj Ebert (ambaŭ vegetaraninoj de pli ol dudek jaroj) en Wilhelmshöhe apud Höxter a. Weser (Germanujo) kaj multe rekomendas tiun ĉi libertempejon pro la belega situo kaj bonega prizorgado. Pro ekonomiaj cirkonstancoj estas ankoraŭ servataj tie viandmanĝantoj, kvankam la posedantinoj preferus kuiri nur por vegetaranoj.

**Kvitancoj** sekvos en la oktobra numero.

**Repagu la kotizon!** La eldonado de bulteno, kiu disvastigas nian ideon en larĝaj medioj, ne estas senkosta, kaj ni tial bezonas la kotizojn de ĉiuj, kiuj konsideras nian laboron utila. Ĉar neniu kunlaboro por nia ligo aŭ ĝia bulteno estas pagata, la tuta mono donacita servas al la afero mem.

**Korespondadon** kun junaj gesamideanoj en Anglujo, Usono, Japanujo, Nederlando deziras André Gaillard, 73-bis, rue Bobillot, Parizo 13, Francujo.

**V. A. en E.** La redaktanto de „Vegetarano“ ne estas kolektanto de io ajn. Do neniam sendu al li, por pagi abonon, ajojn, kiuj interesas nur kolektantojn kaj ne havas materian valoron. Se vi ne povas pagi la abonon, vi ricevos „Vegetaranon“ senpage, ĝis kiam la financoj de la Ligo malpermesos tian praktikadon.

Mono ankoraŭ estas la ilo, per kiu ankaŭ nemoneelaj entreprenoj subtenas sian vivon; se ĝi ne estus kondiĉo de abono aŭ aneco, VLE certe havus la trioblon da anoj.

**J. M., Sudfrancujo.** Abonpago kaj kotizpago estas identaj; do, paginte vian abonon, vi jam estas ano de VLE kaj ne bezonas ion krome pagi por aneco. Jam sen tio, bedaŭrinde pro la kosto de presado kaj dissendado, nia kotizo estas pli alta, ol ni dezirus.

---

**Internacia Vegetara Unio. / The International Vegetarian Union.**
**Union Internationale Végétarienne. / Internat. Vegetarische Union.**
**Sekr.: Oluf Egerod, Rődkildevej 40, Brőnshőj apud Kopenhago, Danujo.**

## Dekdua Bulteno.

La „Asocio de la Unuiĝoj por Naturkuracado kaj Individua Reformo en la Ĉeĥoslovaka Respubliko" decidis, aranĝi la

**Sepan Internacian Kongreson de Vegetaranoj**

en la jaro 1929-a en Steinschönau (Kamenický Šenov) en Norda Bohemujo. Pri la dato de la kongreso kaj la detaloj de la aranĝoj okazas ankoraŭ priparoladoj inter la citita asocio kaj la estro de I. V. U.

Ĉiuj societoj, kiuj estas membroj de la Internacia Vegetara Unio, bonvolu sendi delegitojn al tiu kongreso. Ankaŭ individuaj kongresanoj povos partopreni ĝin.

Unu oficiala delegito el ĉiu aliĝinta societo povos ricevi senpagan loĝejon kaj manĝaĵojn. Pluaj delegitoj kaj individuaj partoprenontoj devos mem pagi por siaj bezonajoj.

Prezidanto de la ĉeĥoslovaka asocio, kaj sekve ankaŭ de nia I. V. U., estas Sinjoro B. O. Dürr en Komotau (Chomutov), Ĉeĥoslovakujo. Sekretario de la asocio estas la Redaktoro Hans Feix, Warnsdorf VI/1810, Ĉeĥoslovakujo.

Pro la malalteco de la ĉeĥoslovaka valuto la vojaĝo al tiu kongreso kaj la partopreno en ĝi estos relative malkaraj. Tial ni esperas, ke multaj delegitoj kaj multaj individuaj kongresanoj partoprenos en niaj aranĝoj. Supozeble la kongreso okazos en la monato julio 1929-a.

## Twelfth Bulletin.

The „Association of Societies for Nature Cure and Individual Reform in the Czecho-Slovakian Respublic" decided to arrange the

**Seventh International Vegetarian Congress**

in the year 1929 at Steinschönau (Kamenický Šenov) in Northern Bohemia. Most probably the congress will be held in July 1929. Negotiations are still going on between the afore-said association and the board of the International Vegetarian Union about the date and the arrangements of the congress.

All societies which are members of the I. V. U. are requested to send delegates to the congress. Also individual members are allowed to assist the congress and will be welcome.

One official delegate of each affiliated society may be boarded gratis by the congress committee; further delegates and individual congressists are expected to pay for their accomodation.

The President of the Czecho-Slovakian Association, and thereby of the I. V. U. too, is Mr. B. O. Dürr of Komotau (Chomutov), Czecho-Slovakia. Secretary of the association is the Editor Hans Feix, Warnsdorf; Czecho-Slovakia, VI-1810.

On account of the low Czecho-Slovakian currency, the trip to this congress and the expenses will be relatively cheap. It is, therefore, being hoped that many delegates and many individual guests will participate in this meeting.

# Lären Eder Esperanto!
# Imparate l' Esperanto!
# Learn Esperanto!
# Apprenez l' Espéranto!
# Aprended el Esperanto!

Presejo: Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln.